


Nr. 18.   5. 12. 1971.   Tria jaro nr. 6

## Ĉu poŝta ? ĉu ne poŝta ?

En la lasta numero de Fenikso multe interesis min la artikolo de samideano Bartoŝik pri la Krakowa stampo de 1912.

La koncernan stampon mi posedas, kaj mi devas diri ke kiam mi ĝin ricevis, ĝi vekis en mi grandan scivolemon. Mi nem unue pensis, ke ĝi ne estas poŝta sed nur privata. Ĉar dubojn mi ne ŝatas, mi senprokraste ĝisfunde esploris la aferon kontaktante ne nur samkolektantojn sed ankaŭ ne-esperantistojn.

Mi tute ne scias, kial Sro Wiesenfeld siatempe ne ĝin menciis kiel la unua Esperanto-poŝtstampo. Ĉu, laŭ li, ĝi ne estas poŝta ? Povas esti! Ankaŭ povas esti, ke la koncernan stampon li ne konis. Ni ne devas forgesi ke en 1912 Krakow situis en Aŭstrujo kaj ne en Pollando, kaj nur en 1912 la poldevena sro Wiesenfeld esperanttistiĝis. Tiu situacio eble povas klarigi kial la pioniro ne menciis, pro nescio la krakowan stampon. Sed tio estas nur supozo mia - memkomprenoble mi ne povas interpreti la pensojn de la aŭtoro - mi tamen povas diri al vi, kion instigas min pensi, ke la koncerna stampo vere havas poŝtan originon.

Mia krakowa stampo 1912 estas sur poroka za

bela poŝtkarto, kiu normale vojaĝis tra la poŝ-
to. La filatela parto de la karto aspektas tiel
Ĝi estas afrankita per aŭstra pm je 10 heller
(nr 106 laŭ Yvert & Tellier). La pm estas nul
gata per ronda nigra datstampo: Krakau 4 -
Krakow 4 - 15-8-12. Apude estis aplikata ronda
verda gumstampo, kiu indikas: "Kongreso espe-
rantista - Krakow" - kaj, en la centro inter 2
paraleloj: 15 VIII 1912. Temas pri guma apud-
stampo; tio estas vero, - sed tio ja tute ne
signifas, ke ĝi ne estas poŝta.

Iom post iom alvenis la respondoj al miaj
informpetoj pri la koncerna stampo, kaj inter
aliaj 3 pezaj argumentoj instigis mian opinion
ke ĝi estas vere poŝta kaj ke ĝi ĉiam meritas
la honoron esti la UNUA de la tuta kolekto.

Jen la 3 punktoj:

1) Mia ano Sro Werner Simon skribis al mi,
ke la aŭstraj filatelistoj antaŭ multaj jaroj
publikigis katalogon pri la specialaj poŝtstam-
poj, kaj la krakowa E.stampo estis tie listiga-
ta. Do serioza referenco por ni.

2) La koncerna stampo estas konata kun di-
versaj datoj. La mia havas 15 VIII 1912, sed
mi ankaŭ aŭdis pri aŭ vidis 13, 16 kaj 18 VIII
1912. Verŝajne ĝi ekzistas kun ĉiu tagdato de
la kongreso. Do la centra datparto de la stampo
estis movebla, kaj tio estas multe pli proksima
de la poŝtaj stampiloj ol de la privataj.

3) La privatan stampaĵon de la kongreskomi-
tato mi posedas, kaj mi povas diri al vi, ke ĝi
tute ne similas al la poŝta. Ĝi estas violkolo-
ra, ronda, diametro 34 mm kaj la teksto estas
"VIII Universala Kongreso Esperantista en Kra-
kovo - 1887 - 1912.

Al mi tiuj tri elementoj sufiĉas, almenaŭ
ĝis pruvo de la kontraŭo, por ĉiam konsideri
la krakowan stampon de 1912 kiel vere poŝta kaj
valora filatelaĵo.

Tre utila estus la opinio de partopreninto
de la kongreso, sed, kiel Sro Bartoŝik prave

diris, pro tio la tempo urĝas. Ĉiukaze, eĉ se oni povus kontakti partopreninton, mi tute ne estas certa, ke post 60 jaroj li povus senhezite aserti, ke poŝtkontoro funkciis dum la kongreso. Ni scias ke la stampo estis listigata en fak-katalogo, kaj eble tion ankaŭ povus konfirmi la Wiena poŝtmuzeo.

Jean Amouroux

-oOOo-

PREZOJ DE ESPERANTOSTAMPOJ

Antaŭ nelonge mi foliumis en aŭstria poŝtstampa katalogo germanlingva de D-ro Ridiger Wurth. Ĝi aperis en Vieno 1967 kun titolo: Die Sonderpoststempel Oesterreichs.

En la laŭjare bele aranĝita katalogo kun 136 paĝoj estas priskribitaj ĉiuj porokazaj stampoj aperintaj en malnova kaj nuntempa Aŭstrio ĝis la jaro 1967. Kompreneble mi tuj ekinteresiĝis pri la prezoj de la E.stampoj, listigitaj en aŭstriaj ŝilingoj, ĉar, laŭ mi, estas tre utila scii la prezojn de E.stampoj, kiam ili aperas en ne-esperantistaj publikaĵoj

Ni kelkfoje tro taksas aŭ subtaksas nian materialon okaze de niaj interŝanĝoj.

Mi mem konstatis, ke trovi la plej unuajn E.stampojn en sufiĉe bona stato sur koverto aŭ karto estas treege malfacila. Oni devas daŭre serĉi, multe korespondi antaŭ ol oni finfine trovas ion taŭgan por sia kolekto.

Jen la listo de 17 stampoj kun prezoj:

1) Krakow 1912, verda kun rimarko: Apudstampo ? 60:-
2) Wien 1924 90:-
3) Wien 1936 15:-
4) Kufstein 1947 20:- kun rimarko: Uzita nur dum duonhoro.
5) Graz 1949 nigra, verda 3,-
6) Wien 1950 4,-
7) Wien 1951 6,-
8) Innsbruck 1951 verda 2,50
9) Wörgl 1952 7,-

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 10) Klagenfurt 53 | 5,- | 14) Wien | 1958 | 4,- |
| 11) Wörgl 1953 | 4,- | 15) Linz | 1959 | 7.- |
| 12) Wien 1954 | 4,- | 16) Linz | 1965 | 1,50 |
| 13) Linz 1954 | 3,- | 17) Wien | 1965 | 1,50 |

Laŭ ĉi tiu prezlisto ni konstatas, ke la plej kosta kaj valora E.stampo estas tiu de XVI-a UK en Wien 1924 - kaj ne la unua E.stampo Krakow 1912,pri kiu la aŭtoro D-ro R. Wurth eĉ ne estas certa, ĉu ĝi estas vere oficiala poŝtstampo aŭ nur apudstampo.

La prezoj de tiuj E.stampoj estas nuntempe proksimume 30 % pli altaj. Por ni estas plej interesaj la prezoj de la unuaj kvar stampoj, ĉar ne ĉiuj kolektantoj posedas ilin en siaj kolektoj kaj tial deziras havigi ilin.

Mi mem ĝis nun eĉ ne havas stampon nr. 2 sur koverto aŭ poŝtkarto - nur sur poŝtoficeja monkvitanco. La krakowan mi posedas same kiel ĉiuj ceterajn de Aŭstrio.

D. Bartoŝik

FINA PUNKTO PRI LA STAMPO DE KRAKOW

Ĝi estas vere poŝta! Jen nerefutebla pruvo:

En "La Revuo" nr 2 (74) de oktobro 1912 estas plenpaĝa artikolo pri "La jubilea kongreso" kaj sur paĝo 62 mi legas: (en la akceptejo)"meze, piede de l'ŝtuparo staras speciala leterkesto, apud kiu oficisto vendas poŝtmarkojn. Ĉiuj leteroj metitaj en tiun keston ricevos specialan, kongresan stampon!"

Do, nun dubo ne plu devas esti pri la poŝta origino de tiu stampo.

Tiu, kiu posedas tiun malnovan, valoran revuon povas kontroli miajn eldirojn.

Jean Amouroux

## LA MISTERO ANKORAŬ KRESKAS

La itala E-poŝtstampo de Palermo de 1958 estas vere ĉirkaŭita de granda mistero. Mi ne scias ĉu iu povos iam klarigi tiun misteron; sed intertempe, ŝajnas al mi utila ke ankoraŭfoje mi raportu al vi ion pri tiu vere kurioza stampo.

Por mia kolekto mi akiris la koncernan stampon je nigra koloro. Mi senprokraste ĝin komparis kun la jam posedataj ekzempleroj ruĝa kaj violkolora. Denove fundamenta diferenco pruvas al mi, ke la koncerna stampo ekzistas en TRI tipoj, kaj ke ĉiu tipo havas propran inkkoloron.

Mia itala korespondanto plurfoje diris al mi ke je tiu periodo, en Sicilio, la poŝto uzis eksperimente diversajn inkkolorojn.

Nia ano, D-ro De Salvo, petis klarigojn ĉe la itala poŝtmuzeo en Romo, sed li ne estas certa, ke la muzeo povos doni ĉiujn necesajn detalojn. Ĉio ne estas en ordo en la muzeo kaj multaj malnovaj stampiloj ankoraŭ kuŝas en kestoj ne ordigitaj, kaj eĉ la muzeo ĉiam danke akceptas de la kolektantoj ĉiujn detalojn ligataj kun la itala poŝthistorio. Do, ni ne devas tro atendi la klarigojn de tiu flanko.

Malgraŭ tio ni ne povas neglekti tiujn stampojn por nia kolekto, kaj, esperante ke povas esti utila por vi, jen la resumo de miaj personaj konstatoj post komparo de miaj diversaj ekzempleroj de tiuj stampoj:

Ruĝa. Ĝi estas la "normala" tipo, grandskala uzita dum la kongreso. La plejparto de ni posedas ĝin. Vi bonvolu preni viajn ekzemplerojn por bone kompreni la sekvantajn klarigojn. Mi ĝin vidis kun la datoj 24, 25 kaj 26-8-58.

Violkolora. Mi ĝin havas kun dato 26-8-1958. La uzita inko estis tre fluida kaj vere ne taŭga por metala stampilo. Sekve de tio la stampaĵo estas makulita. Krom la inkkoloro la dif-

erenco de la stampilo estas, ke la prezento de la jaro estas 1958 anstataŭ 58. La ciferoj de la dato havas la saman aspekton sur tipoj 1 kaj 2.

Nigra. Mi ĝin havas kun dato 25. - 8 - 1958. La inko ankaŭ ŝajnas iom flua sed ne tiel kiel la violeta. Kio ankaŭ diferencigas la stampilo estas ke la dato kvankam kompleta 1958 anstataŭ 58 - ne plu havas similajn ciferojn al tiuj de tipo 1 kaj 2. Nun la ciferoj estas multe pli larĝaj, same ekzemple kiel tiuj, kiuj indikas la datojn sur aliaj italaj E-stampoj: Firenze 1959, San Remo 1961 ktp.

Se tiuj nedubeblaj diferencoj de koloro kaj prezento havas ia ajn rilaton kun la eksperimentoj de la itala poŝto estus tre interesa havi precizajn detalojn. Ĉiukaze ni devas konsideri ke la 29a itala E.kgr. havis TRI stampojn kaj ke ĉiu havis sian propran koloron.

Jean Amouroux

-oOOo-

## BRAZILA MEMORIGSTAMPO PRI D-RO ZAMENHOF

Ĝis nun niaj katalogoj pri E.stampoj mencias, ke la brazila poŝto uzis porokazan stampon honore al Zamenhof la 15.XII.1959, dato kiu koincidas kun la centjara datreveno de la naskiĝo de la kreinto de Esperanto. Tiu stampo estas vere poŝta ĉar sur ĝi estas presita "Correios" (poŝto), kio pruvas la poŝtan originon. Pri tio dubo ne estas. La stampo havas nr 20 en la nova stampkatalogo.

La koncernan stampon mi posedas duoble, unu sur koverto kaj unu sur karto, sed ambaŭ ne estas uzataj same. Jen kelkaj detaloj pri la aspekto de miaj du aĵoj.

KOVERTO: Ĝi estas afrankita per kvarbloko de la brazila E.pm nr 47 de aerpoŝto. La pm. estis nuligataj per la stampo nr 20 de la kat-

alogo, kaj dua sama stampo estis aplikata apude. Rigardante tiun koverton oni povus opinii, ke la pm vere estis nuligataj la 15.XII.1959, ĉar tiu dato estas menciata sur la koncerna memoriga poŝtstampo.

KARTO: Ĝi estas afrankita per la brazila pm nr 691 eldonita okaze de la centjara datreveno de la naskiĝo de Zamenhof. La pm estas poŝtnuligita en Rio de Janeiro per ronda stampo de unuatago de eldono, kies tuta teksto estas en portugala lingvo kaj ne en Esperanto. La dato sur tiu nuligstampo estas "10.MAR.60". Apude de la nuligita pm estas aplikata la memoriga poŝtstampo nr 20.

Jen do por ni nova problemo. Kion opinii pri tiu afero? Ĉu la vera filatela aĵo estas la koverto aŭ la karto, ĉar nedubeble unu el la du estas pura fantaziaĵo sen filatela valoro

Mi multe cerbumis pri tio, kaj ŝajnas al mi ke mi trovis la ĝustan solvon. Tamen mi tre deziras koni ankaŭ la opinion de la samkolektantoj - ĉu rekte skribote al mi - ĉu pere de "Fenikso".

Mia persona opinio estas, ke la aŭtentika filatelaĵo estas la karto - kaj tute ne la koverto. Jen sekvas la necesaj klarigoj, kiuj eble pruvos al vi, ke mi pravas.

Sur la memoriga stampo nr 20 la dato, 15. XII.1959, estas en la E.stelo ne, laŭ mi, sub formo de uzdato - sed nur kiel memoriga dato. Kaj se mi provas "kompreni" mian karton, kion mi konstatas?

Unue: sur la pm mem la festata centjaro estas skribita: 1859-1959.

Due: malgraŭ tio la unua tago de eldono de la pm estas 10.3.1960.

Do ekzistas memkontraŭeco inter la ĝusta dato skribita sur la pm kaj la eldonjaro. Kial la unuatago de eldono estis 10.3.1960 kaj ne en 1959 mi ne scias, kaj fakte tio tute ne gravas. Sed kio okazis, grave por ni, estas ke verŝajne

por pruvi ke la unuatago de eldono de la pm. ne ĝuste koincidis kun la memorigata okazintaĵo, la poŝto, samtempe kaj prave, aplikis apude la stampon nr 20. Kaj estas logika ke ĝi estas nur apuda, beliga stampo, kiu rememoras kaj ne memorigas, ke la centjara datreveno de la naskiĝo de Zamenhof estis la 15.XII.1959 kaj ne la 10.3.1960 - dato de eldono de la pm.

Iom komplika, jes, sed tre verŝajne ĝusta konkludo kiu eble reflektas la intencon de la brazila poŝto.

Sekve de tio la brazila stampo nr 20 estas apudstampo uzita la 10.3.1960 kaj tute ne nuligstampo uzita la 15.12.1959.

Jean Amouroux

oooo

INFORMOJ PRI KATALOGAJ ALDONOJ KAJ KOREKTIĜOJ.

BRA: 20 estas poŝtuzita ornama apudstampo uzita 10.3.1960.(vidu la supran artikolon).
JU : 4-1. Tempo ek de dec. 1954.
FRA: 25 ŝanĝas numeron al:
 25-1 kun la ĝisnuna teksto.
 25-2 kun kapstaranta datstampo.
IT : 3ve estas neoficiala. Forstreku ĝin.
 12 ŝanĝas numeron al:
 12-1 ruĝa. jarciferoj: 58
 12-2 viola.jarciferoj: 1958
 12-3 nigra,jaro kiel sur 12-2, sed la datigo estas kun pli granda skribo.

A.4-1 Dollbergen. Kun aranĝo de maldekstre al dekstre: varbstampo, datstampo, valorsta.
A.4-2 Dollbergen. Kun oblikva noto:Drucksache - plej maldekstre. Alie kiel A.4-1.

Misuzoj de poŝtaj stampoj oni ofte renkontas. Sed misuzoj nur tiam naskiĝas, kiam la poŝtistoj agas kontraŭ la poŝta ordo, permesante al la publiko mem apliki la stampilojn.

Tiel oni ekz. ofte "krimas" en Bulgario.Of-

Kaj misuzoj nur tiam naskiĝas, kiam la poŝtistoj agas kontraŭ la poŝta ordo, permesanta al la publiko mem apliki la stampilojn.

Tiel oni ekz. ofte "krimas" en Bulgario. Ofte oni renkontas "apudstampojn" sur poŝtmarkoj, kiuj eĉ poŝte "kuris". Malgraŭ tio tiaj pecoj ne estas taŭgaj por ekspozicio. Ili donas minus-poentojn, kiam la juro faras sian juĝadon. La sama validas por koloraj variaĵoj de la Podebrady-stampoj kaj por stampoj de pluraj aliaj landoj.

Por ne miskompreni min: En Nederlando ekz. la ornamaj poŝtaj stampoj estas normale troveblaj sur la poŝtmarkoj, dum la oficiala datstampo troviĝas apud la poŝtmarkoj.

"Aliaj landoj - aliaj moroj!"

Rud..Burmeister

----

Mi plurfoje spertis ke tre ofte ĉe ne-esperantistoj oni povas trovi interesplenajn Esperanto-filatelaĵojn. Ekzemple, de iu jugoslavo mi ricevis la faman Beogradan varbstampon: "Ucite Medjunarodni Jezik ESPERANTO" kun dato 9.12.1954. Ĝis nun ni ne ankoraŭ sciis, ke tiu stampo jam funkciis en 1954.

Jean Amouroux

----

JUNULARA TENDARO

okazos en Karl Marx Stadt, DDR, 24/7 - 1/8 1972 8-taga manĝado kaj tranoktado en 4-litaj tendoj kostas 125:- Gmk. Maksimume 100 personoj. Abunda programo. Seminario pri "La junularo de la tuta mondo akuzas la imperiismon".

Por AREK-anoj mi povas rezervigi lokon ĝis la 1.2.1972. Ni rifuzos akcepti ne-esperantistojn. Skribu al: Kulturligo Esperanto, 90 Karl Marx Stadt. Postfach 551. DDR.

Ni presigos foliojn de glumarkoj okaze de tiu tendaro. (3 div.)

Teksto sur ĉiuj 3 en ovalo ŝimila al terglobo: La mondjunularo akuzas la imperiismon. 3-a internacia tendaro. Karl Marx Stadt 24.7 - 1.8.72.
1-a glm krom tio montras simbolon de Angela Davis kun la teksto en angla lingvo: Her Fight is our Fight - Free Angela Davis.
2-a glm krom la teksto montras virinon de Vjetnamio.
3-a glm krom la teksto montras 3 kapojn kaj stelon.

Rud. Burmeister

----

NOVAJ STAMPOJ 1971

17) Grosseto. Italio. (ek de la 1/8 71 (?)) kun itala teksto: Per l'Europa Unu Lingua Comune Esperanto. 42 Congr. Naz.- Sett. 71. Marina De Grosseto. Maŝinstampo. 49x20 mm. (=o )

18) Vsetin. ĈSSR. 25.9.1971. kun dulingva teksto: Renkontiĝo de ĉeĥaj kaj slovakaj Esperantistoj. d. 30 mm. (sendis Bartoŝik)

19) Krakow 1. 7.11.1971. 50-a mortdatreveno de Antoni Grabowski. kun portreto. Pir-forma 57x45 mm. (sendis Bielak)

----

DIVERSAĴOJ DE LA REDAKTEJO

Nun ni estas proksima al la jarfino 1971.
En la nuna jaro ni povis elsendi 6 numerojn pro la granda ekonomia helpo, kiun donis al ni s-ro Tichý, la rezulto de lia Stamp-Servo.
La afero estas ĉi-tie same kiel en aliaj landoj, ke la poŝtaj tarifoj grave altiĝis. Fakte tiel, ke preskaŭ estas neebla por asocio kiel la nia daŭre travivi. La plej ĝena afero estas, ke en la unua tarifklaso, 40 øre, ni nur povas sendi 20 gramojn (antaŭe 50). Se sendaĵo pezas iomete pli, la franko estas 80 øre.

Kalkulu mem. La kotizo, eĉ ke ĝi de 1972 estas 7 rkp, ne sufiĉas. Ĝi donas 7x90 øre = kr. 6,30 por jaro. Se ni pagus 6x80 en afranko = kr. 4,80, restas nur kr. 1,50 al papero, kuvertoj, stenciloj kaj necesa korespondo ktp. Tio estas ja neebla ĉirkonstanco. Mi do devos zorgi, ke la pezo estos sub 20 gramoj.

-

Mi memorigas vin: Pagu la 1972-kotizon en ĝusta tempo al s-ro Ivar Paulsson, 7 rkp. aŭ ŝanĝebla monbileto de simila valoro aŭ se tio estas neebla per pm-serioj (+50 %).

La kotizo DEVOS esti ordigita antaŭ la 1/2, kiam la nova Fenikso aperos.

Mi ege dankas al niaj anoj, kiuj tiel bone helpis min per la plenigo de la paĝoj en Fenikso, - kaj specialan dankon al s-ro D. Bartošik, kiu tiel servema desegnis la novan kapon kun "Vera Fenikso" anstataŭ la antaŭa karikaturo.

Pro la "pez-limo" mi devis prokrasti kelke da materialo ĝis la venonta numero.

De novjaro ni bonvenigos 3 novajn membrojn:

45) Zsolt Gyarmathy, Aprilis 4, ter 28, Gyula, Hungario.

46) Kimon G. Eliopulos, 130. Venizelos Str. Nova Smirna. Atheno. Greklando.

47) J. F. Mazánek, Západni 4, Ostrava - Mar.Hory. Ĉeĥoslovakio.

Ĉiuj kolektas: Pm. Sta. Glm.

La stampkatalogo estas nun elĉerpita ĉe la redaktejo. Sed eble ĝi ankoraŭ estas akirebla ĉe la aŭtoro: Rud. Burmeister (membro nr 8)

-

Okaze de la kristnaska festo kaj la jarŝanĝo la gvidanto, Ivar Paulsson, kaj mi deziras por vi ĉiuj ĉion bonon kaj prosperon!

Reinhold Jensen

# JARBILANCOJ 1971

## AREK

| Enspezoj: | | Elspezoj: | |
|---|---|---|---|
| Kasenhavo pr. 1.1.1971 | 40,50 | Fenikso | 140,00 |
| 44 kotizoj á 6 rkp | 184,80 | Propagando + Korespondado | 35.00 |
| | | Kasenhavo 31.12.1971 | 50,30 |
| En sveda valuto: | 225,30 | | 225,30 |

Kurzo: Sveda kr. 1,00 = dana kr. 1,45

1 int. rkp. sveda ,70 = dana kr. 0,90

Ivar Paulsson

## FENIKSO:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Kasenhavo 1.1.71 | 74,30 | Papero | 42,10 |
| Arek(140 sv.kr.) | 202,54 | Kovertoj | 12,45 |
| Gajno de Stampo-Servo.115 rkp | 103,50 | Afranko | 103,20 |
| Mankolistoj | 5,40 | Presinko | 13,80 |
| Donacoj | 4,60 | El.stencils | 58,65 |
| Stamp-katalogo | 7,15 | Stencils | 24,36 |
| | | Div.helpiloj | 9,25 |
| | | Kasenhavo pr. 31.12.71 | 133,68 |
| en dana valuto: | 397,49 | | 397,49 |

Reinhold Jensen